# Citaĵoj

**Virino sen viro** estas kiel fiŝo sen biciklo.
>>> Slogano de Majo 1968.

Se dolorus al via patrino la kapo en tiu tago, vi ne ekzistus.
>>> Reklamo pri *Aspirina*

Ĝi estas ideala en lando en kiu la urbestroj komencas konstrui vojojn kaj la posteuloj ĉesas konstrui en la duono.
>>> *Pajero*, aŭtomobila komercmarko

Devas. Ekzisti. Iu. Maniero. Pli. Rapida. Alveni. Al. La. Laboro.
>>> *AM Express Bus*, buskompanio de Minneapolis, Usono.

Riĉa pri vitaminoj kaj milionulo pri proteinoj.
>>> *Danone*, komercmarko de jogurto

Ĉu vi volas, ke li estu pli vireca? Spertu esti pli virineca.
>>> Reklamo pri ina subvestaĵo

Enhaveblas 18 infanoj kompreneble se la stiristo estas surda.
>>> *Hi Topic Asia Motors*, mikrobuso

Kio? Vi havas unusemajnan libertempon kaj 1200 frankojn en la poŝo kaj ankoraŭ ne troviĝas en Nov-Jorko?
>>> Departemento pri Turismo de Nov-Jorko

Laŭ la legendo, la ĵudo, la *tae kwon* kaj la karateo estis inventitaj de japanoj kiuj aĉetis televidilojn sen garantio.
>>> Reklamo de Semp Toshiba ■

# Humuro



**La edzino vekiĝas** lumatene kaj duondire parolas al la edzo: "Karulo, mi havis belegan sonĝon. Mi sonĝis, ke vi donos al mi kolringon el diamantoj kiel donacon en mia datreveno. Kion tio signifos?" La edzo respondas: "Vi scios tion en via naskiĝtago." En la tago de la datreveno, la edzo alvenas hejmen kun donaco en la mano. La virino, aflikta, disŝiras la paperon kaj malfermas la pakaĵon. Ene estas iu libro: *La Interpretado de la Sonĝoj*. ■

# Juvenalo

Eksa paragvaja episkopo troviĝis en malĝusta profesio... Maddona ne pensas adopti filon de Fernando Lugo...Susana Vieira ne pensas instali vartejon... ekokomiistoj atentas al bluokulaj blankuloj... kongresistoj evitas bankroton de aviadilkompanioj... Malbona Lupo evitas la kontakton kun la Tri Porketoj...



# El la legantoj



**Oni elkore dankas** al ĉiuj kiuj sendis gratulmesaĝojn okaze de la lanĉo de Jes Ja! Rodrigo de Méo, el San-Paŭlo, manifestiĝis jene: "Mirinde, amiko! Al mi tre plaĉis via bulteno, gratulon!" José Roberto Tenório, ankaŭ el la san-paŭla ĉefurbo, skribis: "Mi dankas pro la sendo de via bulteno." El Rio, Aloísio Sartorato skribis: "Mi profitas la okazon por anlaŭ gratuli vin pro la unua numero de via informilo JES JA!" Same gratulmesaĝis Renato Corsetti, el Italio, eksa prezidanto de UEA kaj José Saraiva Matos, el Salvador. Elma do Nascimento, el Rio, komentis la jenon: "Gratulon al vi pro tiu nova publikaĵo, kiu entenas interesajn artikolojn. Pri Jane Dixon, antaŭ multaj jaroj, mi legis pri ŝia antaŭvideco kaj kiam ŝi faris rekomendojn al Prezidento Roosevelt kaj aliaj aferoj..." Alberto Flores, el Volta Redonda, RJ, skribis: "Vian tre interesan bultenon *Jes Ja!* – 01 mi, kun granda plezuro, ricevis, legis kaj faris diversajn kopiojn, por disdoni al miaj gelernantoj (ĉu vi permesas?). Mi kore dankas vian ĝentilecon, mi rimarkas ke via kreemo kaj inventemo neniam elĉerpiĝas. Mi gratulas vin pro la nova bulteno, kaj mi esperas ke ĝi sukcesos kaj plaĉos kiel la antaŭaj fruktoj de via privilegia cerbo." ■

**Jes Ja! – 1-a jarkolekto – N-ro 2**
**15/06/09 – Porto Alegre, RS, Brazilo**
**Redaktas César Dorneles Soares**
**dorneles@ymail.com**

**Interesatoj ricevi la informilon perrete bv. kontaktiĝi kun la redaktoro**

# jes ja!_02

**Porto Alegre | 15/06 - 31/07/09**



## Kunfratiĝa Kunveno la 13an de junio en GEA

**15h00 – Paroliga Rondo**
**16h00 – Teotrinkado**

**Ĉiam en la dua sabato de la monato.**

**Via valora partopreno garantias la kontinuecon de iu ajn E-evento!**

# Pri io ajn



**Jacob Zuma,** gvidanto el la zulua etnio kiu venkis la prezidentajn elektojn en Sud-Afriko, fieras pro tio, ke li neniam iris al la lernejo. Akuzita pri seksperforto (kaj poste senkulpigita) al iu amikino de la familio kiu estis infektita de la ajdosa viruso, li asertis, ke li estas trankvila pri eventuala infektiĝo: "Mi duŝiĝis por eviti la malsanon".

**La brazila portugala** havas 369 sinonimojn por la vorto *peniso*, 299 por *vagino*, 279 por *prostituistino*, 232 por *seksumi*, 125 por *anuso*, 90 por *postaĵo*, 72 por *sekskuniĝo* kaj 46 por *testikloj*.

**La plej mallonga milito** en la historio okazis en 1896 inter Zimbabvo kaj Anglio: 38 min.

**Gaŭĉa e-isto Solon Sant'anna** ankaŭ havas sian propran retejon: www.solonsantanna.adv.br. Rakontoj, kronikoj, poemoj, memoraĵoj, juraj artikoloj ktp. verkitaj de li.



**La plej konsumataj** nutraĵoj de la brazilano en la tagmanĝo estas fazeolo (96%), rizo (94%), bovviando (69%), kokinviando (42%), salato (30%), makaronio (24%) kaj legomoj (18%).

**En 1916** José Montaury, urbestro de Porto Alegre, pensanta pri duobla omaĝo al la najbara urugvaja popolo, donis al la malgranda placo antaŭ la urbodomo la nomon *Montevidéu* kaj la antiva strato de la Komerco, kiu kondukas al la menciita lokalo, estis rebaptita de li kiel straton *Uruguai*-on.

**Elise Tan Roberts** estas iu superinteligenta angla knabino 2jara kiu jam scias diri la alfebeton, legi kelkajn vortojn, citi 35 landajn ĉefurbojn, rekoni geometriajn figurojn kaj kalkuli ĝis 20 inter aliaj mirindaĵoj.

**La t.n. *Hispana Gripo*** (1918-19), kiu laŭ nefidindaj statistikoj mortigis inter 20 k 40 milionoj da homoj en la tuta mondo, ekaperis en Kansaso, Usono. Ĉar Hispanio restis neŭtrala dum la 1-a Monda Milito, okazanta samepoke, kaj ties gazetaro estis pli libera, ekaperis tie la unuaj informoj pri la pandemio, kiu jam estis kaŭzantaj multajn mortojn ankaŭ en aliaj eŭropaj landoj. De tio la nomumo... ■

# E-Movado



**La 44-a Brazila Kongreso de Esperanto,** kune kun la 29-a Brazila Junulara Kongreso de Esperanto kaj 8-a Infana Kongreseto okazos inter 12 k 17/07/2009, en Juiz de Fora, MG, kies temos estos *Junularo kaj Esperanto: bazoj por la estonteco.* Pliaj informoj ĉe www.44bke2009.blogspot.com.

**La 4-a Kongreso de Esperanto** de la Ŝtato San-Paŭlo okazos inter 10 k 12/10/09, en la urbo Bauru, SP. Pliaj informoj en www.easp.org.br.

**La 10-a Gaŭĉa Renkontiĝo** de Esperanto okazos en Porto Alegre inter 7-8/11/09.



**Verda Kafo,** la plej tradicia E-aranĝo en Rio Grande do Sul, atendas vin por iu neformala babilado en E-o ĉiam en la lasta sabato de la monato, je 16h, en Tutty's – drinkejo-restoracio ĉe Av. Independência, 30, fronte al Santa Casa de Misericórdia.

**La 30an de majo** forpasis en Rio-de-Ĵanejro Prof. Sylla Chaves, 79jara, unu el la plej eminentaj figuroj de la E-Movado ne nur brazila sed internacia. Naskiĝinte en Sant'ana do Livramento, RS, de longa tempo li vivis en Rio. Verkisto – inter ili multaj didaktitaj verkoj por E-o -, poeto, ĵurnalisto, Sylla Chaves estis inkluzive membro de la Akademio de Esperanto.



EASP

**Ekde januaro estas en Alvorada,** urbeto najbara al Porto Alegre, iu strato nomata *Idioma Esperanto*, plej precize en la kvartalo Jardim Alvorada.

**5 minuta E-programero** *Expresso Esperanto*, de radiostacio Bova Nova, de Sorocaba, SP, estas elsendata 5foje po semajno kun varia programo: baza kurso, novaĵoj, traduko de E-muzikaĵoj, informoj pri libroj, diskoj kaj revuoj.

**Jen nova socia reto** por interŝanĝo de ideoj inter E-instruantoj: http://esperantoensino.ning.com.

**Teleskopo** estas ĵusaperinta retrevuo pri sciencoj ĝenerale: www.teleskopo.com. ■

# Opinias



**>>> César Dorneles Soares**

**Ziko M. Sikosek,** en sia bonega *Esperanto sen Mitoj* (kiu ĉiu interesato pri E-diskonigadaj aferoj devus legi), reproduktas la jenan okazintaĵon raportatan de Jouko Lindstedt: *"En la [UK] de Ateno okazis jene: (...) nian aŭtobuson eniris [neesperanta] profesia grekino-gvidistino. La kompatindulino kuraĝis komenci paroli en la angla salutvortojn, sed ŝin silentigis protestoj de la ekskursantoj."* Kompatinda ulino! Eble ĝishodiaŭe ŝi havas la jenan ĝeneralan impreson pri E-istoj: iu grupo da maltoleremaj, fanatikaj kaj malafablaj homoj, kiuj sinprezentas kiel parolantojn de lingvo... por la paco. Mankis en la menciita okazaĵo respekto al iu homo, kiu simple estis momente plenumanta sian profesian taskon kaj same mankis respekto al la angla lingvo, kiu vole-nevole ludas sian rolon por alproksimigi la homojn en la mondo kvankam, oni bone scias, ĝi ne estas la plej trafa opcio.





**Laŭ oficiala komuniko** de la Akademio, Santomeo kaj Principeo estu en esperanto la nomo de São Tomé e Príncipe, lando-insularo en la Atlantiko, eksa portugala posedaĵo. Pli bone ol tiu proponata de PIV: Sao-Tomeo k Principeo, kiu kontraŭas al la spirito de la lingvo: San-Paŭlo, San-Francisko, Sankt-Peterburgo...

**En la san-paŭla E-kongreso** realigita en oktubro 2008 en Loreno, SP, mi kaptis la oportunon, samkiel aliaj partoprenantoj, ĝui la grandan klerecon de nia kara Sylla Chaves samkiel sian afablecon kaj bonvolemon. Lia perdo nedubeble funebrigas la tutan E-movadon.

**Fernando Lugo,** prezidento de Paragvajo, eksa katolika episkopo, havis minimume ses filojn kun malsimilaj virinoj en la epoko en kiu li restis je la servo de la Eklezio. Pastroj bezonas havi la opcion edziĝi aŭ ne. Aŭ la institucio preferas plu sufoki skandalojn kaj subteni hipokritecojn?

**Jen mi respondecos** pri la la unua paroliga rondo de la Kunfratiĝa Kunveno de GEA la 13an de junio. Ĝis tiam!

www.ipernity.com/cesar.dorneles

*Pli ol 30 mil vizitoj al la paĝaro – 18 mil al la blogo*